# Internacionalstenografio

Sistemo de stenografio internacia
por ĉiuj lingvoj

## RAPIDA SKRIBO

de

F. DE KUNOVSKI
reviziita de H. J. Hoen,
dipl. G. E. I. Leipzig






Eldonejo
Instituto de Internacionalstenografio
Duisburg, Friedenstraße 79
Germanujo

# Antaŭparolo

**La koresponda skribo** estas la skribo por ĉiuj en ĝenerala interrilatado. Tial ĝi estas kiel eble plej simpla, por ke ĉiu povu ĝin lerni.

**La rapida skribo** kontraŭe servas al profesiaj multskribantoj kaj al debatstenografistoj. Tial ĝi estas kiel eble plej mallonga, kvankam nepre relegebla. Ĝi servas ĝenerale al la relegado de la propra skribo, tial ĉiu uzos tiom el la reguloj, kiom estas konforma al liaj propraj celoj.

F. de Kunovski

# Instruado

Trastudu ĉi tiun gvidilon, same kiel vi faris por la gvidilo por koresponda skribo. Se vi intencas uzi nian arton nur en via profesia laboro, la lecionoj I ĝis III sufiĉos al vi. Por la fiksado de debatoj ankaŭ la studado de lecionoj IV kaj V estos necesa.

Kopiu kaj ekzercadu la ekzemplojn kaj ĉiun frazeron aŭ frazon unuopan ĝis vi akiros lertecon, transskribu la slosilon en stenografian skribon kaj komparu tiun laboron kun la ekzercoj.

Post finiĝo de ĉiu leciono kontrolu vian rapidecon pere de horloĝo. Komencu la sekvantan lecionon nur, kiam vi majstras la antaŭirantan. Diktigu al vi pliigante laŭgrade la rapidecon, kaj stenografu predikojn, paroladojn kaj debatojn.

Legu la revuojn „Tutmonda Intersteno" en literpreso kaj „Multlingva Intersteno" en Internacionalstenografio, kiujn venigu al vi de la

**Instituto de Internacionalstenografio**
**Duisburg**, Germanujo, Friedenstraße 79




## I. Eligoj de finaĵoj.

Leciono XIV de la Gvidilo en Esperanto instruas kelkajn eblecojn por ellasi finaĵojn en la koresponda skribo. Krom ili, la rapida skribo ellasas ankoraŭ la jenajn:

o de substantivoj, se ili ne estas substantive uzataj vortoj de aliaj vortklasoj, ekz: la posto (: dedukata de „post" :).

j de pluralo, se ĝi estas difinita per vorto antaŭiranta; sufiĉas cetere finaĵo o en substantivoj pluralaj, kiam ĝi povas ellasiĝi en singularo.

i de infinitivo, ankaŭ kiam ĝi ne sekvas helpverbon.

e de adverbo, se ĝi estas dedukata de adjektivo aŭ participo (: sed ne, kiam adjektivo, adverbo aŭ substantivo sekvas la adverbon, kiun ĝi difinas :). Kuniga streko antaŭ finaĵoj povas ellasiĝi. Ĉiuj ekzercoj estas el Fundamento Krestomatio de D-ro L. L. Zamenhof; la ciferoj en krampoj montras la paĝojn.

(317).

## II. Simboligo.

1. Rapida scribo ne necesigas indikon de akcentitaj silaboj per dikigo de malsuprenstrekoj. Tia dikigo povas servi por indiki neskribotan n post vokalo kaj m antaŭ p, b, f, ankaŭ en sigloj:

bone mantelo membro kampo lingvo danki kanono sen emblemo instanco compreni

hejmen ajn laudon siajn homojn unujn, sed: min vin k.t.p.

(326).

2. Elskribita r kaj l ĉe vortfino signifas sekvantan t:

terta kulto sporto falto virto alta, sed: partigi multe.

(331).

3. Oni povas forlasi l kaj d ĉe vortkomenco, metante la vortbildon unu ŝtupon super la skriblinion post l kaj malsuper la skriblinion post d. Post la kaj de, da tuta vortbildo estas konforme metata:

devi lasi drinki lando de la laboro multe da vino de dio de lando la drapo la limo

notu: da (ne: ), sed: fordoni eklevi li liajn k.t.p.

(80)

# III. Sigloj.

## 1. Prefiksoj, vortkomencoj, sufiksoj kaj vortfinaĵoj:

dis- eks-(ekz-) per- pre- pro- , -om -es -am (de la korelativo) -uj -ej -ism -(a,e,i,u)ment -(a,e)graf.

## 2. Vortoj: (alfabete ordigitaj)

| | | | |
|---|---|---|---|
| almenaŭ | estos | kelk | po |
| ankoraŭ | estus | kontraŭ | post |
| anstataŭ | facil | krom | pov |
| apenaŭ | far | kvankam | precip |
| apud | fariĝ | kvazaŭ | preskaŭ |
| baldaŭ | foj(e) | long | preter |
| cert | for | malgraŭ | pri |
| ceter | german | mem | pro |
| ĉar | grand | morgaŭ | proksim |
| ĉef | ĝis | mult | ree |
| ĉirkaŭ(ĉirkon-) | hav | nek | return |
| depost | hieraŭ | nepre | sam(e) |
| des | hodiaŭ | nokt | sed |
| dua | inter ,-n. | nun | sinjor ,-in. |
| (duobl) | (entre-) | nur | sol |
| (duon) | jam | oft | sub |
| (duop) | je | ol | subit |
| eĉ | jen | per | sufiĉ |
| ekster | jes | persono | super, supr |
| escept | ju | plen | sur |
| estis | ĵus | plu | tag |

| | | | | | | | |
|---|---|---|---|---|---|---|---|
| tamen | ...... | tra | ...... | tro | ...... | vol | .... |
| tiu-, tio ĉi | .... | trans | ...... | tut | ...... | | |
| tie ĉi | .. | tre | ...... | | | | |

Nombroj:

100 = 1 , 1000 = 1 , 1 000 000 = 1 , 1 000 000 000 = 1 ,

3a = 3, 4ona = 4, 5/6, 23/25. 25.6.1930 = 25 6 30.

Antaŭ k, m, p, (prefiksoj ek-, mal-, pro-) kaj vortoj, kiuj komencas per vokalstreko, malofte povas okazi konfuzoj per forlaso (supren- aŭ malsuprenmetiĝo) post la kaj de, da; en tiuj okazoj oni skribu ilin prefere:

de iro diri la eklaso klaso de klaso la klaso

(178).

## IV. Eliĝoj de vortradikoj.

Ĉefregulo: Mallongigu la komencon de frazo nur modere, pli forte nur la finon, kiam necese.

1. Unusilabaj vortradikoj povas perdi tiom da supren- kaj horizontal-strekoj de la fino, kiom ili havas ĉe la komenco; mallongigata l kaj d valoras kiel streko; la duonvokaloj j kaj v valoras kiel konsonantoj:

kato sidi fako poto kreski trakli drapo strofo porti kulpi danci tempo lingvo majstro

sed: estro onklo angla ankro uzi amo k.t.p.

Kiam finaĵo aŭ sufikso sekvas, oni povas skribi unu supren- aŭ horizontal-strekon anstataŭ kuniga streko:

(194)

2. Dusilabaj vortradikoj havantaj du supren- aŭ horizontal-strekojn ĉe vortkomenco aŭ inter vokaloj perdas ĉiujn strekojn depost la dua vokalo:

ordono plastiko frivola brasiko

Ĉiuj aliaj dusilabaj vortradikoj perdas ĉiujn strekojn post la dua vokalo, pli konataj ankaŭ ĉi tiun:

estingi pedanto antikva etaĝo ulano imiti ideo anonco eterna okulo kamforo bigota funebro soifo koakso naiva oazo

Prefiksoj, sufiksoj, vortkomencoj kaj vortfinaĵoj, kiuj havas siglojn, ne valoras kiel vortradikoj:

3. Tri- kaj plisilabaj vortradikoj perdas ĉiujn strekojn post la unua konsonanto post la dua vokalo:

okcidento sindikato vertikala fonetika hipotenuzo elevatoro maniero

4. Prefiksoj kaj vortkomencoj, kiuj havas siglojn, ne valoras kiel vortradikoj. Vortoj kun prefiksoj aŭ vortkomencoj, kiuj havas siglojn, escepte ek-, mal- kaj sen-, kaj en vortkunmetoj povas ankoraŭ mallongiĝi, perdante unu ĝis du plujn signojn:

distingi ekzemplo konveksa indigni travintri kompreni eltrovi priskribi progreso

kompaso permesi forĵeti, sed: ekblovi maltrafi senĉese.

(197)

5. La finaĵoj kaj sufiksoj:

a. -in, -int, -ind, -is, -ist, -id, -it, -ig, -iĝ, -il, -ing perdas tiun i de la finaĵo, kiam oni povas meti la sekvantan horizontalan aŭ suprenirantan strekon super la linion:

virino imitinta leginda venis botanikisto ŝtelita ŝafido aliĝi blindigi tranĉilo plumingo

b. -er, -em, -ec, -end, -estr, -et, -eg perdas tiun e, kiam oni povas skribi la sekvantan horizontalan aŭ suprenirantan strekon tra la antaŭirintan; same oni skribu la mallongigojn por -i, -ism, -ej, -uj, -u, -us: indignus.

salero kredema heleco pagenda urbestro bileto pordego meti militarismo lernejo monujo saltu

c. -op, -obl, -on, -ont, -os, -ot, -um, -ul perdas tiun o, aŭ u, kiam oni povas meti la sekvantan horizontalan aŭ suprenirantan strekon sub la linion:

triope multoble kvarono legonta vid-os laudota plenumi fremdulo

d. -aĉ, -ad, -aĵ, -ar, -an, -ant, -as, -at perdas tiun a, kiam oni, sen konfuzigo, povas ligi la sekvantan horizontalan aŭ suprenirantan strekon al la antaŭirinta, same la mallongigoj por -ebl kaj -ment: skribaĉo

promenado trinkaĵo vortaro urbano amanta divenas farata uzebla parlamento

Al unua sufikso aŭ finaĵo disigita de la radiko oni ligu la sekvantan:

plenigis dentistino leviĝonta gustumos

e. Finaĵon de substantivo kaj adjektivo: -o, -oj, -on, -ojn, -a, -aj, -an, -ajn, -u, -uj, -un, -ujn oni ligu ĉiam al la radiko:

katoj membron kiujn larĝaj sudan k.t.p.

(199) 250 135

## V. Fakaj kaj specialaj mallongigoj.

1. Ĉiutagaj esprimoj (proverboj, sentencoj, citaĵoj), adverbaj frazeroj kaj ripetataj vortoj povas treege mallongiĝi; oni skribu precipe la komencon; al-apartenantaj vortoj ofte povas ligiĝi, facile diveneblaj ellasiĝi, ekz:

tiu ĉi, tio ĉi — ĉi tiu — tiu kiu — pli malpli — multe da fojoj — ne sole sed ankaŭ — de tempo al tempo

iom post iom — vole ne vole — pli kaj pli — tagon post tago — kiel eble plej — tute ne — samtempe

pli larĝa — plej larĝa — k.t.p. — esceptinte ke — laŭ tio se — ne eĉ — se ne ke — ĝis kiam — tuj kiam

post kiam — plej multe — pli multe — denove — tiel ke — tiel kiel — tial ke — tiom pli ke — tiamaniere

por ke — kune kun — antaŭ ol — pli ol — same ol.

Tagoj de la semajno: ...

Nomoj de monatoj: ...

Nomoj de landoj kaj popoloj: ...

2. Ĉiuunu povas starigi listojn de pluaj sigloj por sia propra uzo kaj bezono laŭ profesiaj aŭ fakaj vidpunktoj, ekz. komercaj, juraj, medicinaj, sciencaj, teknikaj, militistaj, politikaj, religiaj ktp. Ĉiam oni skribu la komencon kaj forlasu nur finon de vorto aŭ frazo. Jen kelkaj ekzemploj:

prezidanto advokato argumento kapitalo konkurso komisio aktiva passiva speciale

ĝenerale procento intereso milito infanterio divizio politiko ŝtato nacio socio neŭtrala

demokrato parlamento operacio ordinare konstrui lokomotivo elektro laboro laboristo

minuto monato konforme sekve okazo sciigi akcepti akcio okcidento oriento ŝtato urbo

partio objekto subjekto sindonema scienco estinteco estanteco estonteco samideano S Sd Sm

Interpunkcio estas anstataŭebla per pli malpli granda distanco inter la vortbildoj.

# Porpaca kaj interkonsenta parolado

**de la germana ministro por eksteraj aferoj D-ro Stresemann.**

Je la honoriga doktora promocio de la germana regna ministro D-ro Stresemann (5. 5. 1928) tiu ĉi fame konata politikisto parolis pri la necesa kombino de du gravaj, fundaj politikaj ideoj: la rajto de la nacioj je vivo kaj libereco kaj la spirita pliproksimiĝo kaj pacema interkonsento de la nacioj. Li diris:

Estas fatala malkompreno, kombinante kun la koncepto de la internacieco la riproĉon de nenacieco. Tamen la plej epokfarantaj pensuloj kaj poetoj nur tie donis la plej altan mezuron de sia forto, kie ili radikis en la nacia grundo (Shakespeare, Goethe, Dante). La internacia vivo bezonas la sanecon de la unuopaj ŝtatoj; la komuna rajto de la nacioj laŭ Kant nur estas konstruota sur la libera federismo de la popoloj.

La enordiĝo de l' unuopulo en la socian tutaĵon signifas por li nenian rezignon, nenian perdon. Per tio la instigo al koncentrigo de ĉiuj fortoj kaj al morala farado ekfloras. Same efikas la enordiĝo de popolo en la organizitan tutaĵon de la kultura mondo. Ĉar la rajteca egaligo ne jam okazis, la formoj por la internacia kunagado ankoraŭ estas trovotaj: rilate al la germana politiko tio estus la ŝirmiga garantio por libera, egalrajta Germanujo eniranta kune kun ĉiuj aliaj ŝtatoj en stabilan internacian formon. Nenia generacio travivis tiajn neaŭditajn revoluciojn kiel la nia, ankaŭ koncerne la internacian kunvivadon.

Nur post la Frederika epoko la soldata etiko formiĝis. Post la franca revolucio la diplomatoj konstruis sistemon laŭ la dinastiaj, ne laŭ la popolaj interesoj (Sankta Alianco). Unue Bismarck tiagrade reduktis post venko la aplikon de potenco, ke ĝi permesis postan kunlaboron kun la kontraŭulo de hodiaŭ.

Stresemann akcentas, ke laŭ Hanotaux la franca registaro en 1871 atendis inter aliaj tri kondiĉojn: forliveron de la franca milit-ŝiparo, cedon de la stato de armado; Bismarck ne ŝatis, veneni la animstaton de la venkita kontraŭulo. Se li estus trovinta samideanajn diplomatojn eksterlande, li jam tiam estus atinginta organizan, servantan al la paco kunlaboron. Nur la historia letero de la caro al Vilhelmo I-a altrudis al li duopan kaj triopan aliancon. Li tamen konstante klopodis, varbi aliajn ŝtategojn por lojala kunlaboro. Post lia foriro en ĉiuj eŭropaj landoj kreskis fatalismo. La spiritoj ne jam estis maturaj por sincera politiko interkonsenta. La provoj en lasta horo, forigi la malfidon, devis malsukcesi.

La mondmilito treege plialtigis tiun malkonfidon reciprokan. Sed samtempe ĝi maturigis en ĉiuj popoloj, militfarantaj kaj neŭtralaj, la ekkonon, ke tia stato ne povas daŭri, ke la homaro, kaj precipe la malnova Eŭropa, sensave enîĝus en disŝiron, se oni ne sukcesus, eliĝi el la sistemo de internacia anarkio, el la suvereneco de nacia egoismo, de la aliancoj kaj kontraŭ-aliancoj. Kaj tiel la postmilita tempo unue montras strangan bildon: apud senindulga apliko de nacia potencprincipo klopodoj, obstine antaŭen-puŝitaj, ekkonstrui novan sistemon de popol-interkonsento sur egalrajtiga bazo. Grave estas, en tiu ĉi momento aperigi la grandajn liniojn fundajn, gvidantajn la germanan eksteran politikon en ĝia celado, kunlabori je alproksimiĝo kaj interkompreno de la popoloj.

Popola interkonsento kaj malebligo de militoj kondiĉas sin reciproke. Sen interkonsento de la popoloj militaj komplikaĵoj, laŭ la naturo de l' homo, ne daŭre estas forigeblaj. Kontraŭe, la malebligo de milito ne povas esti rigardata kiel nura celo. La evitado de milito devas esti akompanata de la ekstarigo de tiuj institucioj, kiuj ebligas, aliigi sur paca vojo traktatojn fariĝintajn neplenumeblaj.

Tiuj reciprokaj cirkonstancoj ankaŭ fakte respeguliĝas klare en la historio de la lastaj jaroj: la ekonomia interkonsento per la London'a protokolo staras je la komenco; al tio sinsekvas la akordoj pri militmalebligo de Locarno kaj la eniro de Germanujo en la Ligon de Nacioj; venontaj estas klopodoj pro plua spirita alproksimiĝo kaj pro forigado de politika konfliktaĵo. Ĝuste nun ni ree ĉeestas grandan politikan agon pruvantan, kiel la ekonomia kaj spirita alproksimiĝo estas favora al la ideo, forpeli la militon el la metodoj de internacia politiko. La senpolitikigo de la ripariga problemo efektiviĝis per decida helpado de Usono en Londono. Nur tio ĉi ebligis, subpremi la malemon de Usono kontraŭ la laŭ-traktata kunlaboro kun Eŭropa en la servo de la militmalebligo.

Tiamaniere ni hodiaŭ vidas alpaŝi la usonan registaron kun granda projekto de monda por anatemado de milito traktato desegnata per grandaj kaj simple klaraj linioj. Dum jaroj oni dubis pri la ebleco, ke Usono partoprenas je tiaj laboroj pri interkompreno kun Eŭropo. Sed sana ideo fine mem produktas la formon taŭgan por la vivo de la popoloj. Propono, kiun oni estus kritikinta eble ankoraŭ antaŭ kelkaj jardekoj kiel utopio aŭ idealogio ne serioze prijuĝota, prezentas sin hodiaŭ al ni kiel ago de plej granda realpolitika signifo.

La prokrastanta tenado de kelkaj registaroj ne bazas sur ne-intereseco de iliaj popoloj pri la alkonduko de paco. La volo al paca kunlaboro sendube hodiaŭ ankaŭ estas conservata ĉe la granda plimulto de la popolamasoj en la plej multaj landoj de Eŭropo. Estas la tasko de la respondecaj gvidantoj, ĝuste en tiu ĉi momento klarigi al la plej ampleksaj popolsternaĵoj, ke laciĝo en tiu porpaca laboro fatalege povus reĵeti je jaroj la evoluon de la homaro. Tia laciĝo nur denove tiujn fortojn ekmovus, kiuj ne volas kompreni, ke ĝenerala militeksplodo — ĉe la teruriga pliriĉigo de la detrua tekniko — fordonus nian kontinenton al sensava pereo, — tiuj fortoj, kiuj deklaras kiel neeblan la pacan apudvivadon de la gentoj aglomerigitaj sur tiu ĉi kontinento, kaj kiuj jam per tia fatalismo flosiĝas renkonte al alia katastrofo.

Neniam ankoraŭ en la historio oni skribis, ke popolo kun tia pasinteco, kovrita de tiom da militecaj laŭroj kaj altestimata pro ĉiaj verkoj de scienco, arto kaj tekniko, subigita per superpotenca koalicio kaj terurege trafita rilate al lando kaj popolo, al posedo kaj famo, **rezignas** pri milita revenĝo, aspirante la ĝustigon de fatalaj eraroj kaj maltrafoj per neniaj aliaj rimedoj ol tiuj de paca interkonsento. Per tio la germana popolo rajton akiris pri la konfido de aliaj nacioj koncerne sian volon al paca rekonstruo kaj internacia interkompreno.

El multspecaj fontoj ekestas la granda riverego de konsento inter la popoloj. Sed nenia fonto estas tiel grava kiel la **konfido**, kiel la rekono de la volo al kunlaboro, pruvita en la plej malfacilaj cirkonstancoj. En ĉiuj tiuj provoj, ebligi la kunvivadon kaj kunlaboradon de la ŝtatoj, ni staras ankoraŭ ĉe la komenco. Ne jam la celo estas klara, sed la vojo jam ekkonebla. Ne plu necesas politiko de ministraroj uzantaj malnovajn formojn, sed la politiko de ĉiu ŝtato devas ekkapti la tutan popolon; ne en la senco, ke oni cedas al la ideoj de l' tago kaj al kapricoj de la amaso, sed tamen en tiu senco, ke destinitaj gvidantoj devas veki kaj antaŭenpuŝi la necesan ekkonon en la tuta popolo.

Antaŭe diplomato bezonis nur la fidon de sia reĝo aŭ ties indiferentecon pri la grava demandoj de ekstera politiko, por akceptigi siajn ideojn; hodiaŭ ni staras en situacio, en kiu novaj ideoj, por esti efektivigataj, postulas la simpatiantan komprenemon, la kunlaboron kaj la kunluktadon de tiuj, kiuj gvidas kaj influas popolon. La propresanta demokratio nepre **ne devas** forigi la efikon de la personeco kontraŭ la amaso. La arego ne estas aĵo por sie mem, kiu iel estas destinita gvidi kaj direkti. Neniu estas pli destinita por tio en Germanujo ol la venonta generacio de la spirite gvidantaj.

Tial la nuntempo urĝe postulas de la akademia junularo, ne ebriigi sin per malnovaj agitvortoj. La konservado de l'paco kaj la celadoj tien turnitaj ne estas malkuraĝo, ne estas malforteco, ili estas realpolitika ekkono de niaj propraj naciaj interesoj. Kiel nenia alia la germana popolo estas destinita, ree suprenkreski al grandeco en paca interkompreno kun aliaj popoloj. La klopodoj elvenantaj de germana studenta flanko, interŝanĝi spertojn en malvasta kuniĝo kun la studentoj de aliaj landoj, sukcesu bonege! Ne rigardu ni la eksterlandan studenton en Germanujo kvazaŭ li estus nur konkuranto, anstataŭ ekkoni, ke li amike por nia lando hejmenportas la belaĵojn, kiujn germana lando kaj germana vivo povas prezenti al li. La larĝeco de l' horizonto, la sciado pri aliaj popoloj kaj aliaj homoj signifas plilarĝigon de nia nacia laborkampo.

Tiel la studenta junularo kunhelpu, regajni al la germaneco en la granda spirita respubliko de la mondo tiun lokon, kiun ĝi posedi rajtas laŭ sia historio kaj evoluo. Ĉiuj fluegoj de interkonsento inter la popoloj fine tian eniĝu, la hodiaŭa generacio, suferinte tiomege, staru antaŭ longa periodo de paco kaj libereco, de vera plenumado de la popola rajto, disponi pri si mem, antaŭ periodo de estimo pri la kulturo, la religio kaj la idiomo de ĉiu homo, en kiu ajn ŝtato li vivas! Kiel rezulto de tia politiko staru antaŭ ni **libera**, je sia suvereneco **ne limigata, al paco kaj al homara pluenevoluo servanta, spirite kungvidanta Germanujo!**

Trad. D-ro E. Meyer, Saarbrücken.

**De la sama aŭtoro aperis:**

**Internacionastenografio,** gvidilo en Esperanto . . . . . . . . . . 1.— RM

## Internacionalstenografio en ĉiuj kulturlingvoj:

Enkonduko kaj tri partoj, gvidiloj en Esperanto:
1-e Germana, Angla, Franca, Hispana, Itala, Pola, Rusa.
2-e Sveda, Dana, Nederlanda, Portugala, Rumana, Greka, Latina.
3-e Serba, Bulgara, Ĉeĥa, Ukrajna, Hungara, Turka, Japana.

Ĉiu de ĉi tiuj libretoj donas la uzadon de Internationalstenografio en sep lingvoi naciaj, po libreto . . . . . . . . . . . . . . . . . . . 1.— RM

Skriblibro por Internacionalstenografio . . . . . . . . . . . . . 0.15 RM

Emblemo por Internacionalstenografoj, pinglo, argent. 0.95, or. . . 1.05 RM

**Nombrostenografio,** eldonita de F. de Kunovski kaj D-ro Höke, tre interesiga, kiu donas la unuan fakte taŭgan solvon de la problemo de nombrostenografio, necesega por stenografoj de pli alta praktiko . . . 0.30 RM

## Lernolibroj de la Internacionalstenografio

por Germanoj:

Ausführlicher Lehrgang der Deutschen Kurzschrift einschl. Schlüssel 0.80 RM
Fortbildungskurs . . . . . . . . . . . . . . . . . . . . . . . . 1.— RM
Lehrbuch für Eilschrift, I. Teil Berufsschrift . . . . . . . . . . 1.— RM
II. Teil Redeschrift . . . . . . . . . 1.50 RM
Wege zur Redeschrift . . . . . . . . . . . . . . . . . . . . . 0.60 RM
Postkartenlehrgang . . . . . . . . . . . . . . . . . . . . . . 0.10 RM
Lesebücher, je . . . . . . . . . . . . . . . . . . . . . . . . 0.25 RM

por Rusoj:

Lernolibro de la rusa Internacionalstenografio en rusa lingvo . . . 2.— RM

por Hebreoj:

Lernolibro de la hebrea Internacionalstenografio en hebrea lingvo . 1.50 RM

## Scienca literaturo stenografia

en germana lingvo:

**Die Kurzschrift als Wissenschaft und Kunst,** la fundamento de la stenografia scienco, kun **68 tabeloj** aŭtografiaj . . . . . . . . . 15.00 RM

**Kurzschriftentwicklung,** historio de la stenografio de la malnova ĝis la nova tempo . . . . . . . . . . . . . . . . . . . . . . . . 4.— RM

**Grundzüge der Kurzschriftwissenschaft,** ĉefaj trajtoj de la stenografia scienco . . . . . . . . . . . . . . . . . . . . . . . . 1.— RM

**Im Banne der Kurzschrift,** A. J. Christoffels, priskribo de la naskiĝo de la Internacionalstenografio . . . . . . . . . . . . . . . . 5.— RM

**Ni rekomendas krom tio:**

## Revuojn

ĉiumonate aperantajn en esperanta lingvo:

**Tutmonda Intersteno,** 4 paĝoj de literpresaĵo . . . . . 2.— RM po jaro

**Multlingva Intersteno,** en stenografia scribo, kun tekstoj en diversaj naciaj lingvoj, 4 paĝoj de aŭtografia presaĵo . . . . . . . . 2.— RM po jaro
kun Tutmonda Intersteno . . . . . . . . . . . . . . . 3.— RM po jaro

ĉiumonate aperantajn en germana lingvo:

**Eilschriftblätter,** por rapida skribo en stenografia skribo, 8 paĝoj de aŭtografia presaĵo, . . . . . . . . . . . . . . . . 2.40 RM po jaro

**Deutsche Kurzschrift,** informas pri la movado de stenografio, 16 paĝoj de literpresaĵo . . . . . . . . . . . . . . . . . . . . 4.80 RM po jaro

**Kurzschrift-Blätter,** en stenografia skribo, por interparolado kaj perfektigo, 8 paĝoj de aŭtografia presaĵo . . . . . . . . . . . 2.40 RM po jaro

**Instituto de Internacionalstenografio**

**Duisburg,** Germanujo, Friedenstr. 79, Poŝta ĉeko Essen 2714

Presita de Hermann Lass, Potsdam.

